16-a jaro. N-ro 6 (184) Junio-Decembro 1930




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin urnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA KOTIZO KUN ABONO : Fr. 30,—
EKSTERLANDO : Belgoj 6.—

ANTVERPENO
1930

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto : **formortinta Generalo Grafo Leman**).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken.

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van den Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, R. Brihay.
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
HASELTO. — Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : « Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : «Liera Stelo ». — Jos. Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
LOVENO. — Grupo Esperantista. — R. De Keyser.
MEĤLENO : Mehlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.
Kandidatoj bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo :** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo :** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto ».
**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

16a JARO N-ro 6 (184) JUNIO-DECEMBRO 1930.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Direktoro : | Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | Poŝĉeko No 1337.67 |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | de |
| Telefono 943.74 | BELGA LIGO ESPERANTISTA |

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F-ino J. VAN BOCKEL. H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## AL NIAJ ABONANTOJ.

Post longa foresto « Belga Esperantisto » reaperas. Ni ne faros longajn frazojn por klarigi la kaŭzojn. Multaj el vi ilin konas : fizikaj kaj materiaj malhelpoj aldonitaj al personaj vivcirkonstancoj ĉe subskribinto. Unu el la plej gravaj kialoj estis tamen la materia organizo de niaj naciaj centraj organizajoj, pro manko de loko kaj pro la amasiĝo de dudekkvinjara dokumentaro. Krizo el tio devis veni kaj venis.

Nun ni povas sciigi, ke nia gazeta krizo forpasis. Kompreneble ni devos iom kunigi la numerojn de la pasintaj monatoj, por daŭrigi kun freŝaj fortoj la estontan regulan aperon de la gazeto.

La deficito en la nombro de numeroj por la jaro 1930 estos kompensata per sendo al ĉiuj abonantoj de du nacilingvaj broŝuroj pri la historio kaj pri la organizo de la tutmonda Esperanto-movado. Tiuj broŝuroj estas preskaŭ pretaj, kaj ni povos ilin dissendi post kvar aŭ kvin semajnoj.

Por 1931 ni enkondukos novan metodon en la eldonado de nia gazeto, nome nia oficiala organo estos pli ol antaŭe informilo pri la loka, landa kaj universala movado de Esperanto, dum por la literatura fako, ni uzos la libran formon : tiu aranĝo estis petita de kelka tempo de multaj samideanoj kaj tre certe ĝi estos bone akceptata de la seriozaj amatoroj de Esperanto-legaĵo.

Necese estis por ĉi tiu numero oferi la parton « Belga Kroniko». Ni tamen ne volus ke la vivado de niaj grupoj dum la dua duono de 1930 forpasu nerimarkite. Tial ni tre petas la grupestrojn, ke antaŭ la 5a de Junio ili havigu al ni koncizan raporteton pri sia agado, de la apero de nia lasta numero ĝis fino 1930, kaj alian raporteton por la periodo de la unua de Januaro ĝis fino de Majo 1931. Ni publikigos ilin en la du sekvontaj kajeroj de « B. E.».

Poste ĉiu grupo bonvolu regule, je la fino de ĉiu monato, havigi al ni sian raporton pri la pasinta kaj sian programon pri la venonta monato.

Niaflanke ni promesas de nun regulan aperon de la gazeto.

Ĉiu subtenu kaj helpu nin, precipe nun, kiam ni bezonas la moralan kaj materian helpon de ĉiuj bonaj laborantoj por nia movado en nia lando.

Fr. SCHOOFS.

## 19a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO.

**Lieĝo, 7/10 Junio 1930.**

Post longa pluva periodo, malcerta kiel la cirkonstancoj, fine aperis la suno ; kaj kun ĝi pliheliĝis la menso de la belgaj kongresanoj. Pro la brila kaj varma suno, la koro de ĉiu forvojaĝanto al la nuna kongresurbo, Lieĝo, pleniĝis je certeco : « La kongreso sukcesos! Ĝi nepre devas sukcesi »

Jam alveninte ĉe la stacidomo en Lieĝo, oni estis kaptata de la ĝoja atmosfero reganta en la urbo pro la Ekspozicio.

Kaj jen, je la Akceptejo, agrabla surprizo por la kongresanoj ne jam venintaj en Lieĝo: la akceptejo estas en la bone konata kafejo « Venitien », agrabla loko, en la mezo de la urbo, kun grandaj terasoj, kie la kongresanoj povas ripozi, atendante unu la alian, babilante senfine dum la interkonatiĝa vespero.

Kaj por multaj, ĝi vere estis interkonatiĝa kunveno ! La partopreno en la Kongreso estis multnombra kaj atingis ciferon ĝisnun ne viditan. Multaj eksterlandaj samideanoj faris al ni la honoron viziti nian ĉiujaran feston: precipe notinda estas la grava germana delegacio, plejparte el Köln, kondukata de la bonhumora prezidanto de la Köln'a Grupo, S-ro Kurt; el Francujo venis nia malnova amiko Agourtine, el Nederlando venis multnombraj geamikoj.

Tiu interkonatiĝa kunveno estis tiel ŝatata de la Kongresanoj, tiel rapide forpasis la tempo, ke, kiam ni volis viziti la anoncitan kunvenon, jam forpasis la tempo kiam la salono estis je nia dispono, kaj tiel ni estis devigataj daŭrigi la kunvenon jam komencitan sur la teraso de « Vénitien », pro kio neniu plendis ĉar fakte pro la varmeco, estis pli agrable sidi tie, ol en la terure varma salono.

Iom post iom, la kongresanoj foriris al la loĝejoj kiujn mendis por ĉiu la L. K. K., malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj kaŭzataj de granda alfluo de eksterurbanoj en urbo bedaŭrinde ne sufiĉe provizita je hoteloj... ĉiu trovis sian liton, kaj ripozis ĝis mateno, intencante esti freŝa kaj vigla por ĝui ĉiujn agrablajojn preparitajn de la Lieĝaj samideanoj.

### DIMANĈON LA 8an DE JUNIO.

Frumatene, ĉiu ellitiĝis, ĉar jam je la 10a ni devis kolektiĝi en « Vénitien » por la akcepto en la URBDOMO. Je la preciza horo, ni havis la honoron esti prezentataj al S-ro MALLIEUX, skabeno de la financoj; tiun prezentadon faris S-ro Kapitano MONCOUSIN, prezidanto de la Loka Kongres-Komitato.

S-ro MALLIEUX akceptis nin per plej afablaj paroloj kaj dankis la esperantistaron pro la elekto de Lieĝo kiel nunjara kongresurbo. Kaj ni havis la bonŝancon aŭdi paroladon faritan de tute kompetenta homo, ĉar S-ro Mallieux estas lerta lingvisto ellerninta dekon la lingvoj.

Li akcentis la necesecon de internacia helplingvo apud ĉiu nacia lingvo, necesa de kiam la latina lingvo ĉesis esti uzata kiel internacia lingvo. Li jam antaŭ pluraj jaroj pristudis la problemon de lingvo internacia, kiu fariĝis pli grava, ĉar nuntempe renaskiĝas la nacia sento

kaj la emo por ĉiu popolo uzi sian propran lingvon. Antaŭ pluraj jaroj, la latina lingvo ludis tiun internacian rolon, poste la franca lingvo. Esperanto ankaŭ estas inda ludi tiun rolon. Ĝi ankaŭ preparas la vojon al pli bona interkompreniĝo inter la homoj. S-ro skabeno Mallieux finis sian paroladon, esprimante siajn bondezirojn al nia bela celo kiu, eble fariĝos morgaŭa realeco, sed kiu jam nun faras gravan servon al la civilizacio.

S-ro Frans SCHOOFS prezidanto de Belga Ligo Esperantista, dankis la urbestraron de la urbo, kiu bonvolis akcepti oficiale la Kongresanaron. Li akcentis la praktikajn servojn faritajn de Esperanto, kaj ĝiajn lastajn sukcesojn.

Post tiu de 1921, la nuna kongreso estas de la 2a kiu okazas en la «Arda Civito»; de tiu tempo, Esperanto multe progresis, kaj niaj esperoj pri plua progresado estas grandaj. S-ro SCHOOFS finas sian paroladon per la vortoj laŭte aklamataj: «Vivu Lieĝo kaj ĝia ekspozicio!»

La trinkadon de la ĉampanvino afable prezentita de la urbestraro de Lieĝo akompanis ĝenerala interparolado, dum kiu ĉiu havis la okazon konvinkiĝi pri la simpatio de S-ro Mallieux al nia afero kaj pri ĝia elfunda pristudo de la problemo .

Post tio, la kongresanoj iris tra la centraj stratoj de la urbo, al la Universitato en kies granda salono okazos ĝenerala kunveno de Belga Ligo Esperantista. Post demeto de florgarbo sur la monumenton dediĉitan al la mortintaj studentoj kaj malnovaj studentoj de la Universitato, S-ro Frans Schoofs, prezidanto de Belga Ligo Esperantista, malfermis la ĝeneralan kunsidon je la 10 h. 15.

Li dankas ĉiujn ĉeestantajn pro ilia multnombra alveno. Precipe li dankas la eksterlandajn vizitantajn, kiuj per sia ĉeesto montras sian simpation al nia belga Esperanto-movado.

La prezidanto mallonge skizas la staton de nia movado en Belgujo.

S-ro Henri PETIAU, Ĝenerala sekretario de Belga Ligo Esperantista, legas la jenan raporton.

## RAPORTO DE LA ĜENERALA SEKRETARIO PRI LA AGADO EN 1929.

Estimataj Geliganoj.

Kun plezuro mi prezentas al vi mian raporton pri la Liga agado dum la lasta jaro.

Ĉiuj el vi, kiuj ĉeestis nian lastan nacian kongreson en Gento certe ne forgesis ĝian sukceson. Ĉirkaŭ 200 gekongresanoj el 6 diversaj landoj ĝin partoprenis. La diskutado dum la laboraj kunsidoj estis plej interesaj kaj la kongresanoj igis plej agrablaj la diversajn partojn de la programo. La organizintoj sukcesis ĉion bone aranĝi kaj mi tutkore dankas kaj gratulas ilin je l'nomo de la Ligestraro.

La granda sukceso de la 20a Universala Kongreso de Antverpeno en 1928 certe tre favore influis la agemon de niaj diversaj grupoj kaj donis al ili novan kuraĝon por daŭrigi la propagandan laboron kaj profiti la bonan impreson por Esperanto faritan en la tuta lando.

La grupo « Verda Stelo », el Antverpeno, kompreneble rikoltis la fruktojn de sia antaŭa bona laboro. La nombraj kursoj, kiujn ĝi organizis estis ĉeestataj de multaj gelernantoj kaj la nombro de ĝiaj membroj estis tre kontentiga.

La «Brusela Grupo» meritas ankaŭ specialan mencion; ĝi plej efike laboris organizante en ĉiuj flankoj de la ĉefurbo kaj ĉirkaŭaĵo multajn propagandajn paroladojn kaj novajn kursojn, kiuj havigis al ĝi aron da novaj gemembroj.

Siaflanke, la grupoj el Aalst, Bruĝo, Gento, Kortrijk, Liero, Lieĝo, Sankta Nikolao, Thienen, Verviers, k. c., ankaŭ ageme laboris kaj malfermis multajn novajn kursojn por granda nombro da lernantoj.

Se oni aldonas, ke ekster la grupoj multaj aliaj kursoj donitaj de fervoraj amikoj okazis ĉe diversaj privataj societoj kaj organizaĵoj, oni konstatos, ke oni organizis ĉirkaŭ 50 novajn kursojn por pli ol 1.200 gelernantoj. La rezultato estas do plej kontentiga.

Je sia flanko la Ligestraro okupis sin pri la ĝenerala propagando. Ĝi sukcesis starigi tri novajn grupojn : unue en Nieuwpoort, dank'al la kunlaborado de Ges-roj Braet, kiuj estis lernintaj Esperanton tutsole kaj poste instruis ĝin al kelkaj geamikoj, kiuj estis la kerno de la nova grupo ; poste en Hasselt, kie S-ro Van Genechten kaj F-ino Janssens estis lernintaj Esperanton ĉe la radio-kurso organizita de la Ligo. Intertempe F-ino. Maria Adamkova, lerta Samideanino el Ĉekoslovakujo, ekloĝis en Winterslag, apud Hasselt. La Ligestraro sin turnis al ili por peti ilian kunhelpon por la starigo de grupo en Hasselt. Tiuj fervoraj geamikoj tuj respondis favore al nia alvoko. S-ro Van Genechten tuj komencis tre praktikan propagandon kaj baldaŭ malfermis kurson gvidatan de F-ino Adamkova kaj la grupo fondiĝis kun la gelernantoj. La nova grupo ageme daŭrigis la propagandon en ĉiuj mezoj kaj akiris belajn rezultatojn pri kiuj ofte raportis nia « Belga Kroniko ». Aliaflanke, la Ligestraro jam de longe klopodis ,por restarigi la movadon en Loveno, kie ĝi estis iam tre vigla .Fine favora cirkonstanco sin prezentis. S-ro Eduard Dewolfs, la juna kaj agema Sekretario de la Tienena grupo sciigis al ni ke li ekstudas en la universitata de Loveno kaj ke li estas preta helpi nin por starigi grupon en tiu urbo. Intertempe S-ro Blaise, malnova Samideano el Loveno, loĝanta nun en Anglujo, estis doninta al ni la adreson de S-ro Dekeyser, eksekretario de la ekzistinta grupo de Loveno. Tuj S-ro Dewolfs vizitis lin kaj ankaŭ S-ron Léonard, membro de U. E. A. kiu estis lerninta Esperanton ĉe la radio-kurso gvidita de D-ro Kempeneers.

La rezultato de tiu vizito estis, ke oni tuj komencis la laboron. S-ro Dekeyser ne perdis tempon. Li tre metode organizis la propagandon per la loka gazetaro kaj specialaj cirkuleroj. Li organizis tre sukcesintan propagandan paroladon faritan de D-ro Kempeneers kaj tuj poste malfermis publikan kurson, kiun ĉeestis multaj gelernantoj kaj fine la grupo povis esti restarigita! Tutkoran dankon al ĉiuj, kiuj kunhelpis por akiri tiun belun rezultaton.

Dume nia « Gazetara Servo» prizorgata de S-roj Schoofs kaj De Coster, ne mankis unu okazon diskonigi per la gazetoj la ĉefajn okazintaĵojn de nia movado.

La sukceso de la antaŭaj kursoj ĉe « Radio-Belgique » incitis la Ligon organizi du novajn kursojn dum la pasinta vintro kaj la rezultato estis plej kontentiga: pli ol 300 gelernantoj aĉetis la lernolibrojn kaj multaj korektigis la ekzercojn tiel montrante sian intereson al nia lingvo. Ni kore dankas kaj gratulas la profesorojn S-ro Bas kaj Kempeneers al kiuj ni ŝuldas grandparte la sukceson de tiuj kursoj.

Ekster la esperantaj organizaĵoj la Ligo ankaŭ interrilatis kun diversaj societoj kaj institucioj por atentigi ilin pri la utileco de la uzado de Esperanto por la internaciaj rilatoj.

Por doni ideon pri la amplekso de la Liga laboro ni diru, ke la Ligestraro dissendis preskaŭ mil leterojn. Estos baldaŭ necese havi konstantan oficejon ! Oni do ne tro plendu, kiam ni iom prokrastas respondon.

Kiel promesite « Belga Esperantisto» eldonis 10 kajerojn. La jarkolekto 1929 enhavas 230 paĝojn pritraktintajn la plej diversajn temojn. Nur dependas de ĉiu Ligano, ke ĝia enhavo fariĝu pli kaj pli interesa. Kiel ni jam ofte diris, ne utilas plendi pri prokrasto k.t.p. sed multe pli efikas sincere kaj akurate kunhelpi.

« Belga Esperanto-Instituto » daŭrigis sian utilan laboron por nia movado eldonante novajn librojn kaj esperantaĵojn; ĝi pli kaj pli progresadas: ĝia subskribita kapitalo atingis la sumon de Fr. 117.000 laŭ la lasta bilanco, kaj ĝi disdonis 7½ % nete al siaj akciuloj. Notinde estas, ke el sia profito ĝi donacis al « Belga Ligo » la sumon de Fr. 1.125,—. Ni do povas fieri pri la graveco kaj utileco de nia nacia eldonejo kaj ni nur povas konsili al ĉiuj niaj Samideanoj fariĝi akciuloj de tiu laborema societo, kiu faras gravajn servojn al nia movado.

Konklude vi povas do konstati, ke la bilanco de la pasinta jaro estas tre kontentiga. Nia belga movado ĉiam progresadas ; dependas de ni ĉiuj, ke ĝi ankoraŭ pli disvastiĝu, sufiĉas, ke ĉiu iom kunhelpu!

Por fini mi faros do varman alvokon al la kunhelpo de ĉiuj Liganoj por ke la nunan jaron ni akiru novajn sukcesojn.

Ni lasu flanken la personajn atakojn por nur atenti la ĝeneralan bonon de nia afero. Ni laboru en konkordo, en plena interkonsento kaj ni venkos !

Vivu Esperanto !

La Generala Sekretario, Henri PETIAU.

Je l'nomo de S-ro Maurice JAUMOTTE, kasisto de Belga Ligo Esperantista, malhelpata ĉeesti la kongreson, D-ro Kempeneers legas la sekvantan kas-raporton.

Estimataj Geamikoj,

Kiel mi jam de diversaj tagoj ektimis, miaj profesiaj ĵurnalistaj devoj ne permesas al mi ĉeesti nian ĉiu jaran kongreson en Lieĝo. Miaj bonaj amikoj en Lieĝo, la organizantoj de nia tiujara belga festo bonvolos akcepti mian bedaŭresprimon pro tiu deviga forresto mia.

Aliflanke mi senkulpigas min apud la membraro de « Belga Ligo» ĉar mi, je la fino de mia unua laborjaro kiel Kasisto, ne kapablas min prezenti persone antaŭ ĝin.

Mi sendas kun tiu ĉi letero rapidpoŝte la raporton de la kaso de « Belga Ligo Esperantisto», kun peto al kolego en la Estraro ,antaŭlegi ĝin por aprobo dum la oficiala kunsido.

RAPORTO PRI LA JARO 1929.

| | | |
|---|---|---|
| ENSPEZOJ : | Kotizajoj de la membroj (kun abono por la plimulto, kaj sen abono por la familiaj membroj) ........................ | Fr. 9.893,— |
| | Donacoj ricevitaj ........................ | » 3.058,85 |
| | Diversaj enspezoj ........................ | » 2.195,88 |
| | Entute | Fr. 17.147,73 |
| ELSPEZOJ : | Presado kaj liverado de B. Esp. ...... | Fr. 11.918,17 |
| | Partopreno Konstanta Reprezentantaro | » 815,20 |
| | Ĉiuspecaj elspezoj ........................ | » 4.164,80 |
| | | Fr. 16.898,17 |
| | PROFITO : | Fr. 249,56 |

Se mi post tiu oficiala sciigo finus mian raporton, vi rajtus estis plene kontentaj, kaj pleenfidaj ankaŭ, pri la estonteca farto de la Kaso.

Estas tamen mia devo atentigi la membraron pri la fakto, ke se vere la Kaso tiun ĉi jaron akiris eĉ malgrandan profiton de 250 frankoj, tio nur dependas de eksterligaj rilatoj kaj cirkonstancoj, sed laŭ sia nuna labor- kaj enspezmaniero, la raporto pri la Kaso verdire devus iĝi deficita.

Mi klarigas tiun ideon per la fakto ke la « donacoj ricevitaj » de 3.058,85 frankoj, cititaj en la « Enspezoj », estas preskaŭ entute nur esceptaj enspezoj. Pli ol duono de tiu sumo, nome 1.709,21 frankoj estas donaco de « Belga Esperanto-Instituto». La membroj de Belga Ligo scias, ke tiu organizaĵo per siaj statutoj decidis donaci parton gravan de la profito al «Belga Ligo». La donaco ricevita dum 1929, tamen korespondas al la profito de Belga Esperanto-Instituto, dum 1928, la jaro de la Internacia Kongreso en Antverpeno, kiu finance, pro la vendado de multaj libroj kc. estis escepte brila. Ni tamen ne povas kalkuli kiel « ordinaran » enspezon, donacon tiom gravan. Ankaŭ la Kongresa Kaso de la Internacia Kongreso de Antverpeno donacis al nia Ligo sumon de 569,64 frankoj. Tiu sumo, ĉiuj tion komprenos, estas tute escepta, kaj tiu posteno eĉ forfalos el niaj libroj, dum la sekvantaj jaroj. Escepta donaco estis ankaŭ farita de la nun malaperinta grupo « Antverpena Grupo Esperantista ». Je la disiĝo, tiu grupo havis en sia kaso sumon de 850 frankoj, el kiuj la duono estis donacita al ni, la

alia duono al la blinduloj esperantistaj. Ni kaptas la okazon por danki publike la estraron de tiu grupo kunmetita el S-roj. Oscar Van Schoor, Champy kaj Ritschie.

Konklude sumo de proks. 2.700 frankoj pri kies rekapto dum la sekvantaj jaroj preskaŭ estas ne okazo.

Tio devigas min atentigi la Ligajn membrojn pri la neceseco havigi al la Ligo novajn enspezrimedojn. Dum la lasta kunsido de la Ligo Komitato ni priponis malgrandan plialtigon de la abonprezoj.

Ĉiuj komitatanoj kaj delegitoj de la grupoj akordiĝis pri tiu plialtigo. Tamen la budĝeto dum la jaro 1930 nur ekvliibriĝos se, krom tio, la membraro de la Belga Ligo ankoraŭ kreskas.

La nova jaro alportis al ni jam kelkajn novajn grupojn, ni citu Nieuwpoort, Loveno, Hasselto, sed ankaŭ ni petas, ke, en la jam ekzistantaj grupoj, oni kiom eble plej multe laboru por la prigrandigo de la membronombro.

En 1929 nia Ligo havis 869 membrojn.

Sana vivmaniero nur estos ebla se nia Ligo kalkulas almenaŭ 1.000 membrojn. Ĉiuj grupoj do nur bezonas fari malgrandan klopodon por alveni al tiu rezultato. Ni fidas, ke la estraroj ĝin faros.

Post tiuj duonpesimismaj klarigoj, ni tamen volas atentigi la membrojn, ke la Liga Kaso tamen ankoraŭ ĉiam, pro antaŭaj enspezoj, bone fartas.

| | | |
|---|---|---|
| Je la fino de la jaro 1928 la enkaso estis ............... | Fr. | 14.391,05 |
| Se ni aldonas la nunjaran profiton ......................... | » | 249,56 |
| la enkaso je 31-12-1929 estas | Fr. | 14.640,61 |

el kiuj 10.000 frankoj estas finance bone enmetitaj en «Belga Esperanto Instituto», dum 4.640,61 fr. ripozas en miaj manoj.

La Kasisto, Maur. JAUMOTTE.

Ĉar neniu petas parolvicon, la raportojn oni konsideras akceptitaj, per granda kaj ĝenerala aplaŭdo.

Poste estis legataj la gratulleteroj ricevitaj de I. C. K., Societo franca por la propagando de Esperanto (nome de ĝi parolis S-ro Agourtine), Brita Esp. Asocio, Germana Esp. Asocio, S-ro Ĉe, D-ro Van der Biest, S-ro Oscar Van Schoor, S-ro Leflot, Liero), k.t.p.

Kiel kutime estis sendata al Princo Leopoldo, duko de Brabanto, Honorprezidanto de Belga Ligo Esperantista salut-telegramo, al kiu nia alta protektanto sendis plej afablan respondon.

La kunveno ankaŭ decidis sendi telegramon al S-ro Witteryck, prezidanto pro honoro de Belga Liga Esperantista.

Laŭ propono de S-ino Elworthy-Posenaer estis decidate sendi specialan dankesprimon al S-ro Maur. Jaumotte, pro la historiaj artikoloj kiujn li verkis pri nia lando kaj kiuj aperis en nia organo.

Tiam la prezidanto detale priparolis la fakton, ke kelkaj Esperantistoj el la flandra parto de nia lando kredis bone fari, starigante apartan movadon bazitan sur nacilingva politiko. La liganoj havis

ĉiujn detalojn pri tiu temo en la nº de B. E. de Aprilo-Majo 1930 kaj trovis tie la opinion de la Estraro kaj de la Komitato. Li atentigas, ke tiuj Esperantistoj atakas nian Ligon, kiu dum sia dudek-kvinjara ekzistado laboris por Esperanto kaj nur por Esperanto sur tute neŭtrala bazo rilate al ĉiu alia movado aŭ ideo, kiu povas disigi la loĝantaron de nia lando.

Post mallonga diskutado el kiu restis la impreso de granda bedaŭro pri la disiga agado, S-ro L. Minon, el Waterloo, proponis la jenan rezolucion, kiun la kunvenintoj aklame akceptas :

« La belgaj esperantistoj, kunvenintaj en sia ĉiujara kongreso, esprimas sian fidon al la Estraro de Belga Ligo Esperantista, kaj komisias ĝin daŭrigi sian laboron en la sama maniero kiel ĝis nun, en perfekta neŭtraleco religia, politika, kaj lingva. »

Poste, S-ino Posenaer-Elworthy faris interesplenan paroladon pri « Niaj malaperintaj esperantistoj », en kiu ĝi montris la sindonemon, la kuraĝon kaj la poresperantan laboron de la pioniroj de Esperanto. Ŝi ankaŭ estis preparinta belegan serion da lumbildoj laŭ siaj unikaj dokumentoj, bedaŭrinde pro manko de lumbildaparato en la salono, ŝi ne povis montri ilin. Ni firme esperas, ke dum pli favore tempo, ni havos la plezuron reaŭskulti, tiam entute, la interesplenan paroladon de S-ino Elworthy, kaj tiam ilustritan de la preparitaj lumbildoj.

## PAROLADO DE S-ino M. ELWORTHY-POSENAER.

Kara Geamikoj,

Mi pretigis por tiu ĉi kongreso paroladon kun lumbildoj, kiu, bedaŭrinde, pro neantaŭviditaj malfacilaĵoj teknikaj, ne povis okazi. Por ke vi tamen sciu la temon kaj celon de tiu parolado, mi legos por vi la komencon kaj la finan parton :

Okaze de la dudekkvinjara ekzistado de «Belga Ligo Esperantista» mi deziras paroli al vi pri kelkaj formortintaj pioniroj, ne pri tiuj de la unua periodo de Esperanto, kies nomoj jam apartenas de longe al la « historio » de nia lingvo, ekzemple Einstein, Trompeter kaj aliaj, sed pri tiuj, kiuj apartenis al nia tempo, tiuj kiujn ni, la maljunuloj de la nuna periodo, kutimis vidi en niaj vicoj, ĉe ĉiuj internaciaj kongresoj, kaj eĉ ĉe niaj unuaj belgaj jarfestoj, kiujn kelkaj el ili diversfoje honoris per sia ĉeesto. Ili estis la ĉefoj de la movado en siaj respektivaj landoj; ili kvazaŭ reprezentis Esperanton tra la mondo, aŭ almenaŭ tra Eŭropo; ili estis por ni amikoj kiujn ni ĉiam plezure revidis, en tiu bona antaŭmilita tempo, tiam kiam la sento de interfrateco kaj intermiksiĝo de la diversaj popoloj sub verda standardo estis tiel vigla, kiel sincera, tiel plenpromesa por la estonteco de Esperanto kaj de la homaramo. Multaj el tiuj foririntaj pioniroj havis pro-akcidentan morton, aŭ estis pro alia kaŭzo forrabitaj en sia plej bela vivperiodo, kiam ni rajtis ankoraŭ esperi de ili longan fruktoplenan kunlaboron. Estis kvazaŭ malbenita mano sin streĉis super ili, tiel multnombre ili en nur mallonga templimo estis forprenitaj de ni. Ilia nomo estas inda vivi

en la memoro de la juna Esperantista generacio, kaj estas ĉefe por tiu ĉi, ke mi volas per kelkaj karakterizaj trajtoj skizi tiujn eminentajn antaŭulojn.

Nun sekvis kelkaj biografiaj notoj pri D-ro Zamenhof, pri Carlo Bourlet, Bolingbroke Mudie, Boirac, Hodler, Grabowski, Zakrzewski, Mybs, Pollen, Sharpe, S-ino Zamenhof, Skeel-Giörling, S-ino Hankel, Generalo Sebert kaj ankaŭ pri niaj mortintaj amikoj de Belga Ligo Esperantista, S-ro Amatus Van der Biest, Abata Richardson, S-ro Parotte kaj aliaj.

Kaj jen mia konkludo :

Nun, la geamikaj el ĉiuj partoj de la lando pardonos al mi, ke mi ne povos plilongigi tiun liston per la nomoj de tiom da malaperintaj samideanoj, eble pli modestaj, sed tamen ĉiuj fervoraj kaj indaj je nia bedaŭro kaj respekto. La kruela milito forfalĉis multege da ili, en Belgujo kaj en ĉiuj interbuĉintaj landoj. Ĉiuj havis la saman esperon la saman konvinkon, ke iam « Esperanto almilitados la mondon», ke iam fariĝos vera la bela devizo « unu lingvo, unu koro ». Gravan devon ili postlasas al ni, por ke iliaj klopodoj, iliaj oferoj, ofte dum ilia tuta vivo, ne estu senutilaj. Ni, la postvivantoj, kaj ĉefe la juna generacio, ni devas, per niaj unuigitaj senlacaj klopodoj, zorgi ke la malaperintaj pioniroj, la grandaj, ĉiekonataj, kaj ankaŭ la pli modestaj, ne vane laboris, ne vane esperis. Tial mi faras al vi varman alvokon por ke ni laboru en unueco. «Unueco donas fortecon», ĉiu apartiĝo estas malfortigo por la movado. Ni forgesu, ni malatentu personajn negravajn malkontentiĝojn, por nur pensi pri unu granda celo, la sukceso de nia kara Esperanto. Tiun sukceson ni ne endanĝerigu per ia divido, ia malamo intergenta. Esperanto, kiu estas la lingvo de unueco, de interfratiĝo, de interkompreno, ne konas flandrajn kaj valonajn Esperantistojn. En la Belga Ligo ni estas nur Esperantistoj belgaj, frakcio de la samideanaro tutmonda. Ni festu tiun jubileon de Bela Ligo Esperantista kun tiu vera sento de unueco ; tiuj kiuj forkuris el niaj vicoj revenu al ni, por ke ni ree laboru per niaj unuigitaj klopodoj. Nia Majstro kaj la tuta aro de gloraj malaperintoj, kiuj ĵus pasis antaŭ niaj okuloj, el sia tombo nin benos.

---

Post dankvorto de la prezidanto al ĉiuj, la kunveno finiĝas je la 13a horo.

Tiam la kongresanoj rapidis al Hotelo « Vénitien», kie oni servis al ili bonegan festenon, kies menuon vi trovos ĉi sube. Mi tuj diru, ke se la prezo ŝajnis iom pli alta ol tiu de la antaŭaj jaroj, la kvalito de la manĝaĵoj ankaŭ multe superis; ne kritikante la organizantojn de la antaŭaj kongresoj, ni sincere diru, ke tiu aranĝo kontentigis ĉiujn partoprenantojn, kaj ke en la festeno partoprenis plejmulto de la kongresanoj. Alia novaĵo estis la muziko, kiu ĉarmis niajn orelojn dum la festeno ; ĝi estis bonega fono por la gajaj interparoladoj de la partoprenantoj; ankaŭ ideo kiu plaĉis al la plimulto.

Kaj jen la menuo, tute inda je la bone konata « Vénitien »: Antaŭmanĝaĵoj. — Longchamps supo. — Zamenhofa Soleaĵo. — Nivernais'a Internaĵo Richelieu. — Bresse'a Graskokino lignefajre kuirita. — Fruktaĵo. — Esperanta glaciaĵo Plombières.

Vi eble kredas ke post tia festeno, la makzeloj estis lacaj kaj ke la langoj restis senmovaj, Tute ne ! Post tiu serio da manĝaĵoj, ni ankaŭ devis engluti tutan serion da tostoj kaj paroladoj, kiuj, feliĉe estis sufiĉe spritaj kaj mallongaj; ĉiuj estis laŭte aplaŭdataj...

Komencis la serion S-ro Schoofs, kiu aklamigis la nomon de Lia Reĝa Moŝto, alta protektinto de la XXa internacia Kongreso en Antverpeno, kaj la nomon de la Reĝa Familio, speciale tiun de la Duko de Brabanto, honora prezidanto de la Ligo.

S-ro M. Roost, el Antverpeno, plej elegante toastis al la Esperantistintoj kaj havis apartan ĉarman vorton por tiuj, kiuj - edziniĝintaj - daŭrigas sian laboron precipe per helpado kaj kuraĝigo al la laborado de sia edzo, kaj kiel modelon de tia « esperantistedzino » li citas S-inon Schoofs.

S-ino Elworthy-Posenaer trafe kaj kore respondas je la nomo de la Sinjorinoj kaj Fraŭlinoj.

Dro P. Kempeneers, el Bruselo, trinkas je la sano de la eksterlandaj samideanoj, je kies nomo respondas S-ro Rosen, el Svisujo.

S-ro Baiwir dankis la gazetaron, je kies nomo respondis F-ino Borel.

Fine S-ro H. Petiau, aklamigas la nomojn de ĉiuj organizintoj de la nuna kongreso. Al ili iras la danko kaj la gratuloj de ĉiuj partoprenantoj. Li mem jam organizis multajn kongresojn kaj festojn ; li do sperte scias, kiom da klopodoj estas postulataj en tiaj okazoj de tiuj, kiuj prenis sur sin la laboron de la organizo. Li finas dezirante al la Lieĝaj propagandistoj bonegan sukceson en ilia estonta agado por la progresigo de Esperanto en sia regiono.

Vespere okazis en la salono de « Vénitien » intima festo kun koncerta programo en kiu partoprenis multaj bonvolaj amatoroj de Lieĝo kaj de aliaj urboj. Ĉiuj ricevu tie ĉi la dankon de la partoprenintoj, pro tio ke ili agrabligis la restadon de la kongresanoj en la bela urbo de la 19a belga jarfesto Esperantista. La dimanĉo finiĝis en varma atmosfero per plej gaja dancfesto.

Lundon la lieĝaj samideanoj plej afable metis sin je la dispono de la kongresanoj por vizito al la du partoj de la belega ekspozicio.

Matene okazis en la Palaco de la Turismo la inaŭguro de la Esperanto-fako. Je tiu okazo, S-ro Schoofs, prezidanto de la Ligo, faris bontrafan malferman paroladeton antaŭ multnombra ĉeestantaro, kiu enhavis grandan parton neesperantistan. Li akcentis la gravajn servojn kiujn Esperanto povas fari al la turismo kaj aparte dankis ĉiujn, kiuj kunlaboris en la starigo de la Esperanto-fako en la ekspozicio. Unualoke li citis S-ron Horrent, Specialan Komisaron por la Turismo, kiu ĉiumaniere helpis al niaj lieĝaj amikoj. Poste lia danko iris al la

veraj organizantoj de la fako : S-roj Kapitano Moncousin, Duchesne, Derigat, Turc, Baiwir kaj aliaj. La agado de ili sukcesplene plenumita estu ekzemplo ĉe similaj estontaj okazoj.

Aparte ni citu ankoraŭ la viziton, kiun ni faris al la Svisa palaco, kie S-ro Rose, unu el la direktantoj de tiu fako, donis al ni ĉiujn klarigojn en Esperanto.

Marde okazis la belega ekskurso en la lieĝa regiono. Per granda luksa aŭtobuso la kongresanoj vojaĝis tra la pentrindaj pejzaĝoj de Chaudfontaine, Trooz, Louvegnée, Fagne Marron, Spa, Theux, Pepinster, Verviers, Ensival, Béthane, Gileppe-barmuro, Eupen, Baraque Michel, Monto Ruggi, Malmédy, Stavelot, Coo, Fonds de Quarreux, Remouchemps, valo de Ourthe, Esneux, Seraing. Je la okazo de nia vizito al la plej alta punkto de nia lando, delegacio kunmetita de Ges-roj Schoofs kaj Kempeneers, pilgrimis al la memorŝtono de nia debaŭrata samideano Parotte, sur kiu ili metis kelkajn simplajn florojn je la nomo de la tuta belga Esperantistaro.

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

### 20a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO.

### NIEUWPOORT, 23 ĜIS 26 DE MAJO 1931.

Estimata Samidean(in)o,

Ni havas la plezuron inviti vin por ĉeesti nian proksiman nacian kongreson, kiu okazos en Nieuwpoort (Nieuport), apud Ostendo, de la 23a ĝis la 26a de majo venonta (Pentekosto).

Ĉar la kongresurbo estas lokita ĉe la maro, apud Ostendo, ne necesas insisti pri ĝia allogeco, tiom pli, ke la organiza Komitato nenion preterlasos por igi la kongreson interesa kaj la restadon plej agrabla !

Ni do esperas ke vi bonvolos helpi la organizantojn de nia ĉiujara festo incitante viajn gegrupanojn kaj amikojn ĝin ĉeesti kaj tuj aliĝi.

Por faciligi la laboron, ni petas ke la grupoj kolektu la aliĝojn kaj sendu ilin kiel eble plej baldaŭ al:

S-ro L. BRAET, Longa Strato, 6, Nieuwpoort.

### TAGORDO DE LA ĜENERALA KUNSIDO.

(24 Majo 1931)

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. 23a Universala Kongreso en Oksford.
5. U. E. A. agado en 1930. Raporto de la Ĉefdelegito.
6. Diversaj komunikajoj.

Antaŭdankante vin kaj atendante la plezuron vin akcepti inter ni, ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista »

La Ĝenerala Sekretario, La Prezidanto,
Henri PETIAU. Frans SCHOOFS.

## 20a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

Nieuwpoort, Pentekosto 1931.

### PROGRAMO :

**Sabaton, 23an de Majo 1931**

16a. Malfermo de la akceptejo en «Hotel de Belle Vue». Granda Placo.
18a. Intima kunveno en la akceptejo.
20a. Generala labora kunsido de « Belga Ligo » dum kiu ĉiu ligano havos la okazon prezenti siajn proponojn kaj rimarkojn pri la ĝia agado (en la akceptejo).

**Dimanĉon, 24an de Majo 1931.**

8a. Katolika Diservo en la preĝejo kun esperanta prediko.
9a. Kunveno de la kongresanoj en la akceptejo.
10a. Oficialo akcepto en la urbdomo.
10½a. Generala kunveno de «Belga Ligo Esperantista», en la urbdomo.
12½a. Fotografado de la kongresanoj.
13a. Festeno en «Duinenhuis», Strato de Ostendo.
15a. Laŭvola promenado en la urbo kaj ĉirkaŭajo.
20a. Intima festo kun balo, en «Duinenhuis».

**Lundon, 25an de Majo 1931.**

9a. Kunveno ĉe la tramstacidomo, Foriro al Oostduinkerke laŭvole ĉu piede ĉu tramveturile.
12a. Komuna tagmanĝo ĉe samideano Benoit en Oostduinkerke.
14a. Laŭvola promenado ĉe la maro.

**Mardon, 26an de Majo 1931.**

Eventuala ekskurso ĉe la maro.

N. B. — La kongreskarto kostas: Fr. 10,—.

La festeno kostas : Fr. 35,— (trinkaĵoj pagotaj aparte).

La komuna tagmanĝo kostas: Fr. 20,— (kun duonbotelo da biero au akvo).

LOĜADO : Ĉambroj estas haveblaj pro Fr. 15, 20, 25, 30 kaj pli po persono. Ĉar la loĝado estas tre malfacila en Nieuwpoort dum Pentekosto, estas tre rekomendate, ke la kongresanoj sin aranĝu por dormi duope en sama lito, ili cetere ricevos gravan rabaton (Persono dormanta sola en dupersona lito pagos Fr. 20/25 po nokto, du personoj dormantaj kune pagos nur Fr. 15.— po persono. Unupersonaj litoj estas tre maloftaj).

Por eviti kostojn ni ne dissendos apartajn aliĝilojn, ni do ĝentile petas ke la grupestroj kolektu la aliĝojn, ilin sendu senprokraste al S-ro L. BRAET, 6, Longa strato, Nieuwpoort, kaj ke oni ĉion antaŭpagu (ĉambrojn ankaŭ) al lia ĉeklonto nº 642.48, telefono No 255.

FERVOJA RABATO. — La kongresanoj ĝuos fervojan rabaton da 35%. Ĉiu kongresano kiu aliĝos sufiĉe frue ricevos rajtigan karton por aĉeti rabate sian bileton, laŭvole ĉu ĝis Nieuwpoort, ĉu ĝis Ostendo, kaj revene. La rabatkartoj valoros ĝis **Mardo, 26 de Majo 1931.**

# MIRINDE SUKCESINTA PROVO DE ESPERANTO.

**La tradukaĵo de la Mondkantato por la Antverpena Ekspozicio en sep lingvoj, pere de Esperanto.**

Okaze de la Centjarfesta Ekspozicio de Antverpeno la komitato petis de la famkonata flandra poeto Willem Gyssels, tekston por festkantato komponotan de la Maëstro Louis De Vocht. La poeto, kiu estas de pli ol kvardekjaroj amiko incitis min traduki la flandran tekston en nia kara lingvo. Mi volonte tion faris kaj postan tagon mi proponis al li, por pruvi la traduktaŭgecon de Esperanto, ke li ĉeestu kun mi esperantistan kunvenon kie mi estus leganta la esperantan tekston por ke la samideanoj traduku ĝin kaj mi certigis lin ke la flandra retradukaĵo estus eble entute simila al la originala flandra teksto.

Mia amiko tamen ne havis tempon ĉe la oportuna momento por ĉeesti la esperantistan kunvenon, sed ĉar li iomete komprenas esperanton li bonvole kredis mian aserton. Li tiam proponis — laŭ mia instigo — al la komitato presigi la originalan tekston de la kantato kune kun la esperanta tradukaĵo kaj samtempe tradukaĵojn en franca, angla, germana, itala, hispana, portugala kaj sveda lingvoj. Finfine la komitato de la Ekspozicio akceptis tiun proponon kaj decidis la presadon de la naŭlingvaj tekstoj.

Feliĉe mi trovis en la gesamideanoj S-ino Elworthy-Posenaer, S-ro Robert Kreuz, Jean Ciane, Doktoro Alfredo Stromboli, Doktoro Ramón Bartomeu, S-ro Salhanda Carreira kaj S-ro Sam Jansson, lertegajn esperantistojn bonvolemajn tradukantojn kaj rapidegajn kunlaborantojn. En unu monato la tekstoj estis tradukitaj, presitaj (post kvin presprovaĵkorektadojn) kaj eldonitaj en belege aspektanto broŝuro kiu estis disdonata je tri mil ekzempleroj al la ĉeestantaj invititoj de la malferma festkunsido de la Ekspozicio.

Mi tutkore gratulas kaj dankas la kunlaborintajn samideanojn kiuj ĉiuj liveris belegajn tradukaĵojn, ekcitantajn la admiron kaj la entuziasmon de la legantoj, inter kiuj multnombraj konas diversajn lingvojn. La komitato, pere de sia Ĝenerala Sekretario esprimis al la subskribinto sian koran dankon kaj siajn gratulojn pro la esperanta tradukaĵo kiu ebligis la eldonon de la supredirita naŭlingva broŝuro.

Tia maniere mi — kiu pro multego kaj diverseco de laboro, post tridekjara esperantista propagando foriĝis de la agema movado — mi faris, laŭ mia opinio bonegan propagandan laboron en tiu ĉi okazo. Belga Esperantisto, kiun mi tutkore dankas pro tio, volonte akceptis enpresi en siajn paĝojn la esperantan tekston de la Centjarfesta kantado.

Oscar VAN SCHOOR.

---

# NACIARA HOMAĜO

## MONDKANTADO

Okaze de la Solena Malfermo de la Mondekspozicio
de Kolonioj, Marveturado kaj Flandra Arto.

## ANTVERPENO

1930

Festo! estas festo!
Alta turo, sonforĝisto,
Martelegu noblan bronzon;
Verŝu en ondegoj larĝaj kaj pli larĝaj,
Verŝu viajn sonojn pluve
Super ni!
Sonorilbatado
Ĝojegu kun ni!
Bim! Bam! Bom!
Gajeczumado
Travibru nin!
Bim! Bam! Bom!
Resonu ĉien,
Sonorilbruado!
Bim! Bam! Bom!

Kreu ĉielon sen nuboj,
Bonvolu la fieran senton esprimi
De lando, per libero, granda;
Voku sunon ankaŭ festpartoprenonton!
Festo! Estas festo!

Infanoj:

Ni rikoltis florojn
El ĉiu land',
En suno kreskintajn
Kaj en ĉielroso,
Por laŭte glorigi
La mirindan laboron
Kiu riĉe kaj forte
Sian gloron ĝojkrias ĉielen.

Kantu nun por ĉiuj
Nian festegan kanton
De l'libereco
Kiu ĝojon
Kaj bonfarton alportas.
Lasu laŭte resoni
Tiun libereckanton
Plenan je beleco
Kiu pli kaj pli alten suprenkreskas.

Libereca kanto :

El ĉio sur la tero,
Estas libero la plej alta bono;
Ĝi vivas ĉe ni en la koro,
Ĝi flamas ĉe ni en la sango.
Ho! Sankta libereco!
Nia libereco!
Ni defendas vin,
En ĝojo kaj danĝero,
Fidelaj ĝis la mort'.

Infanoj :

Ho! Kara, kara land'!
Benita land'
Saluton!
Ni, infanoj, estas
Via sunradio,
Saluton!

Kiu aŭskultas la heroojn
De l'Iser, Moz' kaj Skeldo,
Tiu servas sian landon kun amo,
Tiu cedas antaŭ nenia perforto.
Ho! fortegaj herooj,
Niaj herooj,
Ni sekvos, tutan
Nian vivon daŭre,
Vian heroan vojon.

———

Infanoj :

Ho, Kara, kara land',
Benita land',
Saluton!
Ni, infanoj, estas
Via sunradio,
Saluton!

Ni restos kiel la praavoj
Al libereco dediĉitaj;
Ili batalis por ĝi
Kaj gajnis en batalo.
Ho! kuraĝplenaj praavoj,
Niaj praavoj,
Ni honoras vin,
En ĝojo kaj danĝero,
Fidelaj ĝis la mort'.

Trumpetoj resonas !
La popoloj ĉiuj —
Ĉeestos, el ĉiuj regionoj
De Nord' kaj Sud', de Orient' kaj Okcident'.

Sekvantaro de la popoloj :

Ni salutas vin, ho ! Skeldurbo !
Kiu de via popolo la plej riĉan trezoron
De l'industrio antaŭ okuloj sorĉmontras.
Saluton!

Ni salutas vin, kiu la mondan rondon,
Per la komerc', al via riverbordo ligas,
Kaj per marveturo brile mondon venkis.
Saluton!

Ni salutas vin, kiu per via arto
Ĉiujn popolojn klopodigis al via simpatio,
Kaj vin per eterna gloro ĉirkaŭigas.
Saluton!

Salut' al vi, ho! Monda urb',
Kiu, tie ĉi, la homaron kunligas
Per pacgirlandoj gaje ombritan.
Saluton!

Popolo de Antverpeno :

Estu bonvenaj tie ĉi!

Feliĉsenditoj el via land'

Via respektsaluto nin fierigas!
Ni etendas al vi la manon.

Infanoj :

Vivu la homo, kiu mirindaĵojn kreas
Kaj estras akvon, fajron kaj lumon.
Vivu la homo, kiu, tra l'aer',
La tempon kaj la spacon superpontas.
Super spaco, super tempo
De etern' al eterneco,
Salutu ni de la spiritoj belegan floron :
Arto kaj scienco; Saluton kaj gloron!

Ho! Skeldo, gigantriver', arterio de la lando
Jen, plenŝarĝitaj ŝipoj veturas al via bord',
Aŭ forportas de la lando mem la produktojn al la fremdaj landoj.
La maroj estas vojoj kaj l'aerkampo
Aldonas novan vojon laŭ kiu la flugmaŝin' rapidas.
Kaj pli kaj pli intimaj iĝas jam de popoloj l'amikecligiloj.

Ho! Frata land', mirinda frukto de senlaca pacienco,
Tie, ĉe l'Ekvatoro, per diligenta laboro malkovrita,
Kie komerc' kaj saĝeco la vivnivelon plialtigas.
La paco vin kondukas kaj la ŝtatestraro
Sur fundamento de popolarjuro, la vojon al popolfeliĉo trovas,
Kaj pli alten koloniĝas de l'estonto la triumfarkaĵoj.
Ĉiuj popoloj ĝojas kune Saluton! Altsaluton!
Kaj sentas sin al vi parencoj
Ho! Fianĉino de la Skeldo, grandega urbo,
Forta per libereco, kiu la Pacon
Subtenas.
Sonorilbatado
Ĝojegas kun ni!
Bim! Bam! Bom!
Gajeczumado,
Vibras en ni!
Bim! Bam! Bom!
Sonorilbruado
Resonas ĉien!
Bim! Bam! Bom!
Kvankam diversaj, tamen unuigitaj,
Formas ni la mondan rondon familian;
Iras ni kune, mano en la mano,
En unu ligo, de land' al lando.
Estu bonvenaj tie ĉi!
Feliĉsenditoj de la Paco!
En unueco staras ni fieraj,
Ĉirkaŭradiataj de la Monda paco.
Estu bonvenaj tie ĉi,
Vivu!

Tradukis O.V.S. Antverpeno.

---

## KONSERVADO DE LA VOĈO DE NIA MAJSTRO ZAMENHOF SUR GRAMOFON-DISKOJ.

La I. C. K. sukcese intervenis ĉe S-ro Sabadell, LK. en Barcelono pri reproduktado de la sola fonograf-cilindro, per kiu la voĉo de nia Majstro, D-ro Zamenhof estas konservita. Ĝi delegis S-ron Gili Norta, eksprezidanto de la Kataluna Federacio, por traktado kaj esploro de la eblecoj. S-ro Sabadell, konservante rajte la cilindron kiel relikvon altvaloran, fine esprimis sian principan konsenton pri la reproduktado.

Montriĝas multaj teknikaj malfacilaĵoj, sed oni esperas ĉiujn venki. La Kataluna Esperanto-Federacio mem prenos sur sin la organizadon de la afero kaj tiucele ricevis la rajton de S-ro Sabadell.

Nuntempe, ne povas esti dirate pli. La I. C. K. petas al ĉiuj interesitoj kaj intervenintoj ne plu adresi petojn al S-ro Sabadell, kiu

dum la lastaj jaroj havis multajn ĝenojn kaj malagrablaĵojn pro afero en kiu li laŭjure rajtas decidi sola.

La I. C. K. ankoraŭ informos pri la progreso de la teknika esplorado.

La Esperantistoj certe ĝojos pri la saĝa cedo de S-ro Sabadell kaj la morala sukceso de I. C. K. en tiu-ĉi afero, kiu havas altan signifon por nia movado.

## GRATULOJ

Al S-ro **Louis De Hondt,** Komitatano de « La Verda Stelo » kaj F-ino **Jeanne Hubens,** membro de tiu grupo, kiuj geedziĝis la 23an de Julio.

Al F-ino **Irma Champy,** el Antverpeno, kiu edziniĝis kun S-ro **Jean Brion,** le 26an de Aŭgusto.

Al S-ro **Julien Fechter,** el Parizo (antaŭe loĝinta en Antverpeno, kiu edziĝis kun F-ino **Thérèse Gelbein,** la 30an de Aŭgusto.

Al S-ro **Teo Jung,** el Kolonjo, kiu fianĉiĝis je F-ino **Agnes Schröder,** la 23an de Novembro.

Al S-ro **Israël Jakubowicz,** membro de « La Verda Stelo », kiu edziĝis kun F-ino **Henriette Lachmann,** la 30an de Novembro.

Al Ges-roj **Maurits Boeren-Lamboray,** Antverpeno, pro naskiĝo de filino Suzanne, la 10an de Majo.

Al Ges-roj **Hector Vermuyten-Lacroix,** Antverpeno, pro naskiĝo de filo Hugo, la 27an de Julio.

Al Ges-roj **Robert Broeckhove-Horemans,** Antverpeno, pro naskiĝo de filo Walter, la 9an de Septembro.

Al Ges-roj **Morrens-Verbist,** geavoj de F-ino Jeanne Morrens Komitatanino de « La Verda Stelo », Antverpeno, okaze de la diamanta (sesdekjara jubileo) de ilia edziĝo.

Al S-ro **Gustaaf Zwaenepoel,** el Antverpeno, okaze de lia nomiĝo kiel Komisaro de polico.

## NEKROLOGO

Ni prezentas la esprimon de nia sincera kondolenco kaj de nia granda simpatio al la sekvantaj samideanoj :

Al S-ro **Arthur Claes,** membro de « La Verda Stelo », pro la morto de lia frato Emile Claes, la 2an de Majo.

Al S-ro **Hans Jakob,** Direktoro de U. E. A., pro la morto de lia edzino S-ino Maria-Johanna Jakob-Notz, la 21an de Junio.

Al la **gefratoj Van den Bossche,** membroj de « La Verda Stelo » pro la morto de ilia patro S-ro L. Jacques M. Van den Bossche, la 21an de Junio.

Al **Ges-roj Alfredo Stromboli,** el Pisa, pro la morto de ilia patrino kaj bopatrino, S-ro V-ino Stéphanie Maria Vandenkerkhove-Vaerewyck. el Sankta Nikolao, la 31an de Majo.

Al **S-ino J. Simons-Van Herendael,** membrino de « La Verda Stelo»,

pro la morto de ŝia bopatrino S-ino Louis Simons-Schoeters, la 10an de Aŭgusto.

Al familio Janssens, pro la morto de S-ro Teofilo Janssens, membro de « La Verda Stelo », la 16an de Oktobro.

---

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO.

**Koopera Societo.**

Post la kvara jaro de nia nacia koopera societo okazis Ordinara Ĝenerala Kunveno la 31an de Aŭgusto 1930, dum kiu estis prezentitaj la raportoj de la administrantaro, el kiuj ni ĉerpas jenajn detalojn:

LA KAPITALO kreskis de Fr. 102.000, ĝis Fr. 125.4000. La pagita kapitalo atingas la sumon de Fr. 92.249.93.

AKCIULOJ. — Je la 31a de Marto 1930 la nombro de akciuloj estas : 88.

PROPRAJ ELDONOJ. — Ni eldonis aŭ reeldonis:

1) propagandan leterpaperon, kovertojn kaj poŝtkartojn,
2) novan modelon de insigno por sinjorinoj,
3) « Belga Antologio»: la Flandran parton, kun sama amplekso kiel la Franca parto. La dua volumo ankaŭ estas dissendita al la partoprenintoj de la 20a Universala Kongreso de Antverpeno 1928,
4) specialan eldonon de «L'Esperanto en dix leçons» kun adresoj de niaj naciaj kaj lokaj organizaĵoj propagandaj,
5) la Flandran eldonon de « Fundamento de Esperanto».

Inter la projektoj estas :

1) la Flandra Ŝlosilo,
2) Korespondа kurso en Flandra kaj en Franca lingvoj,
3) Esperanta Rimvortaro kompleta (en libroformato), k.t.p.

VENDADO. — La bilanca cifero de la vendoj kaj de aliaj laboroj estas Fr. 70.917,81. Reveno al tiu normala cifero estis antaŭvidita post la escepta periodo de la 20a universala kongreso de Esperanto.

INVENTARO. — Je la 31a de Marto 1930 la valoro de la provizo de libroj kaj alia materialo estis, laŭ farita inventaro: Fr. 41.654,31.

REZERVOJ. — Laŭ pasintjara bilanco niaj rezervoj estis:

| | | |
|---|---|---|
| Rezervo por amortizo de Inventaro | Fr. | 8.408,38 |
| Laŭleĝa rezervo 5% | » | 878,46 |
| Eksterordinara rezervo | » | 1.709,21 |
| | Fr. | 10.996,05 |

Post aprobo de la bilanco de pri la 4a societa jaro, estis aldonitaj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Rezervo por amortizo de Inventaro | Fr. 4.165,49 | | |
| Laŭleĝa rezervo 5% | » 444,00 | | |
| Eksterordinara rezervo | » 795,90 | » | 5.405,39 |
| | | Fr. | 16.401,44 |

Jen la BILANCO JE LA 31a DE MARTO 1930, aprobita de la ĝenerala kunveno :

A K T I V O :

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj: pagota kapitalo | Fr. | 33.150,07 |
| Banko : Ĉekkonto | » | 6.053,93 |
| Banko : 15-taga konto | » | 55.000,— |
| Poŝtĉekkonto | » | 2.214,70 |
| Inventaro | » | 41.654,31 |
| Ŝuldantoj | » | 16.318,85 |
| Laŭstatutaj deponoj : de Administrantoj kaj Komisaroj. | » | 4.000,— |
| | Fr. | 158.391,86 |

P A S I V O :

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita Kapitalo | Fr. | 125.400,— |
| Kreditoroj | » | 1.614,— |
| Rezervoj : Amortizo de Inventaro: Fr. 8408,34 & 4165,49 | » | 12.573,87 |
| Necertaj Ŝuldantoj | » | 215,60 |
| Impostoj 1928/29 kaj 1929/30 | » | 3.086,73 |
| Laŭleĝa 5/%: 304,16 & 574,30 | » | 878,46 |
| Eksterordinara : 584,21 & 1125 | » | 1.709,21 |
| Dividendoj de antaŭaj jaroj, nepagitaj | » | 30,99 |
| Laŭstatutaj deponintoj | » | 4.000,— |
| Neta profito | » | 8.883,— |
| | Fr. | 158.391,86 |

La administrantaro raportis pri la kalkulo de perdoj kaj profitoj kaj la komisaroj prezentis sian raporton al la ĝenerala kunveno, kiu aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 8.883,— laŭ jena maniero:

| | | |
|---|---|---|
| Laŭleĝa rezervo (5/%) | Fr. | 444,— |
| Unua dividendo: 5/% jara al la pagita kapitalo | » | 3.979,85 |
| Administrantoj kaj Komisaroj | » | 765,— |
| Al Fondint-akcioj, po Fr. 2,50 | » | 750,— |
| Dua dividendo: 1/% jare al pagita kapitalo | » | 795,90 |
| Al Eksterordinara rezervo | » | 795,90 |
| Al Belga Ligo Esperantista | » | 795,90 |
| Saldo transportota al sekvanta societa jaro | » | 556,45 |

ADMINISTRADO. — La Ĝenerala kunveno de la 5a de Majo 1929 reelektis S-ron Morris De Ketelaere kiel Administranton, kaj F-inon Jeanne Morrens kiel Komisarinon.

Konforme al paragrafo 10 de la Statutoj S-ro Edgard De Coster, Administranto, kaj S-ro Hector Vermuyten, Komisaro estas reelektitaj por la periodo de 6 jaroj 1930-1936.

La Administrantaro konsistas nun el: Fr. Schoofs, M. Jaumotte, E. De Coster, G. Vermandere, M. De Ketelaere, Oscar Van Schoor, kaj la Komisaroj estas: Ch. Van der Veken, H. Vermuyten, J. Morrens, L. De Hondt, R. Geerinck.

Per du specialaj voĉdonoj la kunveno kvitigas la administrantaron kaj la komisarojn pro ilia direktado dum la pasinta jaro 1929-1930.

# LA SEMAJNO POR LA LIGO DE NACIOJ.

La dua semajno de Novembro 1930 estis dediĉita al speciala propagando por la celo al kiu laboras de Līgo de Nacioj, tio estas la paca alproksimiĝo de la diversaj nacioj de la mondo. Je tiu okazo la Reĝo, la ministro pri eksterlandaj aferoj kaj la Ĉefepiskopo de Mehleno publikigis en la gazetaro de la tuta lando specialajn alvokojn.

La Estraro de Belga Ligo Esperantista dissendis saman semajnon la jenan rezolucion al la belgaj gazetoj, kiuj preskaŭ ĉiuj konigis ĝin al siaj legantoj :

« Je la okazo de la Semajno por la Ligo de Nacioj, la Belga Ligo » Esperantista opinias, ke estas ĝia devo atentigi la gvidantajn aŭtori- » tatojn pri la urĝa neceseco por la Ligo de Nacioj alpreni la univer- » salan lingvon Esperanto kiel helplingvon en la diskutoj de tiu Ligo » kaj kiel interkomprenilon inter la diversaj popoloj de la mondo, por » praktike enkonduki la idealajn kaj homamajn celojn de la Ligo de » Nacioj en la vasta amaso de la publiko de ĉiuj civilizitaj landoj.

» Esperanto estis jam submetita al funda ekzameno ĉe la Ligo de » Nacioj, kiun sekvis tre favora raporto. »

---

# LA BOMBO

Al Sinjoro L. Cogen tiun fantazieton, verkitan de malnova esperantisto por iom rekonatiĝi kun tro forlasita Esperanto, kaj dediĉitan al tiu bonega prapatro de la belga esperantistaro, por ke ne tro malstreĉiĝu la amikajn ligilojn kreitajn inter ili de la kara lingvo. Dro A. MELIN.

La vagonaro kiu forlasas Namuron je la dekkvina kaj kvardek-du minutoj, por alveni Andenon je la dek-sesa, rapidege rulis. Jam ni preterpasis Beez, Marche-les-Dames, Namêche, ne havinte la tempon rekoni iun aŭ ion. Tre agrable al ĉiu estis, tiel rapide flugi, ĉar oni diris al si, ke post ses au sep minutoj oni reeniros hejmen.

Sed subite, meze de la vojo inter Namêche kaj Sclaigneaux, oni aŭdis la haltigilojn knari, la vaporon bruege blovi kaj la vagonaro haltas tiel neatendite, ke la vojaĝantoj estas perforte ĵetataj unu kontraŭ la alian.

Kio okazas ? Akcidento ? Katastrofo ? Dum kelkaj sekundoj oni apenaŭ povas reakiri la spiron. Oni kredas, ke oni estas tuj frakasota de alia vagonaro renkontinta la nian.

Sed ne: Ĉio rekvietiĝas. Oni sin relevas. Tra la fenestroj malfermiĝantaj, ekterurigitaj vizaĝoj vidiĝas. Ekstere oni krias:

— « Ni gravegan danĝeron evitis ! »

Tuj du el niaj kunuloj elsaltas teren por ekscii tion, kio estas okazinta. Baldaŭ ili revenas, dirante :

— « Estas mirakle, ke ni vivas ankoraŭ ! Duoncolon pli antaŭen, ni ĉiuj estus detruitaj, dispecigitaj, dishakitaj kiel kolbasa viando ».

Bombo de pli ol cent kilogramoj estis kuŝigita trans la reloj. La maŝinisto, apenaŭ ĝustatempe ĝin ekvidinte, estis tuj ellasinta la vaporon kaj streĉinta la haltigilojn. La vagonaro haltis kontraŭ la danĝera eksplodilo, kiu estis kvazaŭ premita inter la antaŭaj radoj de la lokomotivo kaj la reloj de l'fervojo. Ĉiu movo antaŭen aŭ reen estis neebla aŭ danĝera. La veturantoj timigitaj volis malsupreniri kaj forkuri, sed la gardistoj fermis la pordojn, kriante :

— « Ne ekmovu ! Ne malsupreniru ! Vi estus tuj dispremigitaj »

Estis vere ; ĉar en tiu momento, rapida vagonaro pasis kiel vento sur la alia vojo. Dum kelkaj sekundoj ĝiajn ruladon kaj fajfadon, kaj baldaŭ nenion plu oni aŭdis. Tamen oni ne permesis ke ni elvagoniĝu, ĉar oni estis telefoninta Namuron kaj artileria kapitano estis alveninta kun kelkaj soldatoj.

Ekzameninte la bombon, unue je prudenta distanco, kaj poste iom pli proksime, la oficiro certigas, ke nenio estas farebla, ke oni devas neniel tuŝi ion, kaj ne permesi ke la vojaĝantoj forlasu la vagonaron.

La vespero pasis tiel ; kaj ni estis devigataj pasigi la nokton sur la benketo.

Oni facile komprenas, ke neniu el ni povis fermi la okulojn.

Kiam la suno revenigis la matenan lumon, ĉiu eksaltis teren. Oni volis vidi la bombon. Ĝi estis vere tre dika ; tamen oni miregis, ke la soldatoj ne estas ĝin elŝovintaj el la reloj. Kelkaj kuraĝuloj estis tuj eklaborontaj por liberigi la fervojon sed denove rapida vagonaro alvenis kaj la vojaĝantoj devis reeniri la vagonojn. Iom poste, malsuprenirante, ili vidis la Nameŝan kampogardiston starantan apud la lokomotivo, sur kies malvarmigita flanko li estis gluinta la jenan afiŝon:

**« Malpermesate estas tuŝi la bombon je grava monpuno ».**

Tio malantaŭenirigis la plej kuraĝajn. Oni estis riskinta kaj eĉ doninta sian vivon por eligi la eksplodilon, sed estis troe sin mortigi kaj ankoraŭ ŝuldi monpunon !

Pro tio, la bombo restadis sur la reloj.

Kaj pasas la tago, kaj alvenas nova nokto ; poste pasas la tagoj la semajnoj, la monatoj, la jaroj nenion alligantaj.

Tre agrable por ni pasas la tempo : ni babiladis, ni kartludis, ni plezure rigardis la ŝipetojn malrapide ŝoviĝantojn sur la trankvila akvo de nia bela Mozo, kaj la aŭtomobilojn dolĉe rulantajn sur la glata makadamo.

Ni neniel ĵaluzis tiujn moviĝemajn veturantojn. Ĉirkaŭ ni, ĉio estis kvieta, nin nenio ĝenis aŭ tedis, ni estis plene feliĉaj, ni opiniis, ke ni estas hejme, inter niaj familianoj, en tiu malvasta fako, kiu fariĝis nia domo.

Ni similis la grandajn kverkojn videblajn sur la altaj ŝtonegoj de la Mozaj bordoj. Ili neniam forlasis la lokon, kie ili naskiĝis kaj ekkreskis. Kiel ili, ni estis profunde enradikiĝintaj en nian antikvan kaj amegatan teron Valonan.

Ĉu pro tio ? Al ni kreskis grandaj kaj dikaj lipharoj kiuj kliniĝis ambaŭflanke de nia mentono, kaj similigis nin al niaj prapatroj de Gaŭlujo.

Neniam mi pli bone komprenis, ke plej feliĉaj estas tiuj, kiuj ne foriĝas el la naskiĝa lando, daŭrigante ami kaj paroli la gepatran lingvon.

Iu el ni enskribis sur kajereto la pasantajn tagojn, monatojn, jarojn. Unuatempe ĉiu ilin kalkulis, poste ilin oni forgesis.

— Ĉu vi scias, diris ian tagon nia kalkulanto, ke hodiaŭ ni povas festi grandan datrevenon ? Tie ni estas senmovaj de kvindek jaroj.

Neniu lin estus kredinta, se li ne estus montrinta la foliojn de sia kajero.

— Volu Dio, ke tia vivado daurŭ ankoraŭ tiel longatempe! ni ĉiuj respondis.

Estas dirinde ke nenio mankis al ni. Ĉiumatene lokomotivo el Namuro reprovizumis nin. Ĝi alportis ĉiujn dezireblajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn. Ĉio estis malŝpareme sendita de la Societo de la Norda-Belga Fervojo, kiu dorlotis nin kiel amegatajn infanojn.

La reprovizuma lokomotivo ! Ĝi sola rulis ankoraŭ sur niaj reloj. Ĝi estis senpacience atendita. Ĝian alvenon oni observadis de malproksime, kaj la unua el ni, kiu ĝin ekvidis gaje ekkriis :

— Jen ĝi !

Ian matenon, nebulego malklarigis l'atmosferon, kaj la lokomotivo malfruis. Ĉiumomente oni eltiris sian poŝhorloĝon, kaj oni kalkulis la minutojn.

Subite oni ĝi aŭdas. Ĝi rapidis forte spiregante. Ni rigardas eksteren, la densega nebulo ĉirkaŭvolvas nian loĝejon, kiun la maŝinisto ne povas ekvidi.

— Ni estas tuj frakasotaj ! mi ekkrias.

Sed jam terura bruego mallaŭtigas mian voĉon, nedirebla ektondrego, terurega bruo de disrompitaj feraĵoj...

Mi vekiĝas...

Ĝi estas la unua sonorado de mia nova vekhorloĝo.

Mi estas en mia dormo-ĉambro, kaj, tra la fenestro jam orumita de la matenaj sunradioj, mi ekvidas la brilantajn tegmentojn de miaj bonegaj najbaroj.

---

## BIBLIOGRAFIO.

**ESPERANTO KAJ KULTURO. INDIVIDUO. POPOLO. HOMARO.** de D-ro Robert Trögel. Dresden. El germana tradukis J. Schröder, Marbach B. Rosswein. Eldonis 1929 : Heroldo de Esperanto, Köln, Germanujo. 37 paĝoj. 15 x 20.5. Prezo : Rmk. 0,80.

Sinsekve estas pritraktataj : Esperanto kiel lingva problemo, Esperanto kaj la germana popoleco, Esperanto kaj la evoluo de la homaro. Vere leginda kaj eĉ pristudinda verketo plena je valoraj argumentoj precipe kontraŭ la atakoj de « sciencistoj » kaj « intelektuloj », kaj kontraŭ

la suspektoj de ŝovinistoj kaj naciistoj. Kvankam la 2a ĉapitro unuavice pribatalas la kontraŭstaron de la germanaj naciistoj, ĝi perfekte liveras argumentadon ankaŭ kontraŭ « nacionalistoj » ĉiulandaj. Por propagandistoj, aĉetinda libreto, en flua, agrable scienca, korekta lingvo.

DU MASTRO-NOVELOJ de Theodor Storm. Tradukita el germana, de Heino Heitmüller. Eldonis 1929, Heroldo de Esperanto, Köln, Germanujo. 158 paĝoj. 13.5 x 19.5. Prezo Rmk. 2.40. Bindita Rmk. 4.—.

Unua novelo « La Blankĉevala Rajdanto » rakontas la tutvivan luktadon de friza digografo kontraŭ la Norda Maro. La scenejo estas la « marĉo » kiun la Flandroj nomas « polder », grundo ĉiam minacata de la maralfluo kaj defendata per la digoj. Katastrofo okazus se digo rompiĝus... tial la batalo daŭradas ĉiame.

Dua pli mallonga novelo « Violo Trikolora » priskribas la malrapidan adaptiĝon de dua edzino al ŝia nova hejmo kaj al la antaŭinfano, kiun havas la vidvo je kiu ŝi edziniĝis.

Viva stilo, riĉa lingvo, interesa priskribo, agrabla preso kaj prezento faras el tiu ĉi nova eldonaĵo, rekomendindan pliriĉigon de la Esperanta libraro.

IMPERIESTRO KAJ GALILEANO. — Mond-historia teatraĵo de Hendrik Ibsen, tradukita de H. J. Bulthuis, L. K. rekomendita de Esp. Literatura Asocio, eldonita de W. J. Thieme & Cie, Zutphen, 1930, Prezo Fr. 50,—, bindita Fr. 57, 276 paĝoj, 23,5x16 .

Multaj konas tiun tragedion de Ibsen, en kiu la aŭtoro, kun la psikologia arto propra al li, analizas kaj pentras la animstatojn trairatajn de Juliano, la Roma Imperiestro, kiu pro diversaj influoj forlasas kristanan religion kaj volas revivigi paganecon. Tiu provo malsukcesas kaj Juliano subiĝas en malespero.

Forta verko, bone tradukita per klara lingvo, en flua stilo kia ni kutimas trovi ĉe Bulthuis. Kelkaj detaloj kiel ekz. rilate tio, spite tio anstataŭ — tion, fundo anstataŭ fono, asia por azia, kiel ili estus alie anstataŭ kiaj estus alie, neniom forprenas de la valoro de l' verko kiu estas grava riĉigo de nia librotrezoro. Agrabla preso kaj eldono favore prezentas la laboron faritan de l'tradukisto. Ni kun laŭdo ĝin rekomendas al la mondlegantaro, kiu per grandopa aĉeto plej bone kuraĝigos nian nelacigeblan samideanon.

AUSTRIO. — Eldonita de Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Wien 1930. Faldfolio 70x25. Belege ilustrita gvidfolio, kun detala landkarto akurate prizorgita. Iniciatis kaj tradukis la gvidilon la prezidanto de Internacia Esperanto-Muzeo Wien, reg. Kons. Steiner. I. E. M. W. volonte sendos al ĉiu unuopa persono tri ĝis kvar diversajn gvidfoliojn kontraŭ alsendo de internacia respondkupono. I.E.M.W. ankaŭ atendas materialon de ĉiu, kiu ajn Esperantisto.

LYON'a INTERNACIA FOIRO. — 19x14. Bela 15 paĝa informilo donanta ĉiujn sciindaĵojn koncerne la Lyonan foiron, kun antaŭparolo de S-ro Richard Levin, Direktoro de la Eksterlanda Propagando kaj Komerca Delegito de U.E.A.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, RUE NEUVE, 18 — LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO : "PERFECTA" GENT

TELEFONO : 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

CEF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj de la**

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**

**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# Scheerders-Van Kerchove's

VEREENIGDE FABRIEKEN *(Naamlooze Vennootschap)*

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)